# Kajeroj el la Sudo



BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)



N-ro 25 JANUARO—FEBRUARO—MARTO 1995

# Kajeroj el la Sudo



Fondita en 1988.

**BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)**



Prezidanto: Martín Bustin Benito
Apartado de Correos n-ro 4143.
ES-03080 ALICANTE (Hispanio)

---

Sekretario: Jesus de las Heras Giménez
Av. Juan Carlos I, 24.-2/G. Edificio Nueva Ronda, 1.
Es-30008 MURCIA (Hispanio)

---

Provizora Kasisto: Martín Bustin Benito
Apdo. de Correos n-ro 4143. ES-ALICANTE (Hisp.)

Monsendoj de kotizoj kaj abonoj, ankaŭ el eksterlando per Poŝta Kaso al la Libreta n-ro 37-02.614.635.(Ofic. 1302-0482,9). 03012-ALICANTE. Sen aldona sendokosto en Hispanio.

---


Redaktoroj de la bulteno:
Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe, 27/29. 9º.C;%0002-ZARAGOZA. Hispanio.
*****
Miguel Fernández Martín
C/ Santa Genoveva, 58. 6º/C. 28017-MADRID (Hispanio)


---

Kovrilo: Manifestacio de Vaskaj laboristaj esperantistoj.
El niaj paĝoj pri la Laborista E-Movado en Hispanio.

---

Enhavo:



Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas l' aŭtoroj mem.



# ALVOKO AL NIA MEMBRARO

*Ni devas konfesi nian malsukceson dum la lastaj semajnoj pri niaj streboj solvi la krizon de HALE. Ĉiuj elementoj menciitaj en la ĉefartikolo de nia antaŭlasta numero, kiuj baris la solvon de niaj problemoj kaj malebligis la stabiligon de nia asocio, ne nur restas samstataj kiel tiam, sed atentinde malpliboniĝis.*

*La aldona nuna problemo prezentiĝis, kiam je la jarfino la SAT-peranto en Hispanio, k-do Nicolás GIL CARBALLO, demisiis ne nur pri tiu posteno, sed ankaŭ kiel Kasisto de HALE. La situacio povintus ne modifiĝi, se la P.K. de SAT estus elektinta anstataŭanton ne oficantan en la HALE-estraro, sed, malfeliĉe, niaj Parizaj k-doj ne tro pensis kaj sen atenti pri la sekvoj de tiu elekto proponis kiel novan SAT-peranton nian propran prezidanton. Prave k-do Bustín proptestas, ĉar li ne volas okupi tri postenojn samtempe. Do, se ni plendis, ĉar malaltas la nombro da membroj de nia asocio kaj, sekve, ankaŭ de homoj kapablaj por ĝia gvidado kaj administrado, la demisioj de niaj prezidanto, kasisto kaj redaktoroj kreas problemon vere malfacilan... Jen la motivo de nia alvoko.*

*Provizore, kelkaj el niaj nunaj estraranoj plurestos en siaj postenoj atendante, ke aliaj membroj de nia asocio sin proponos por iamaniere kontribui al la solvo de niaj problemoj, la plej gravaj: elekto de prezidanto, kasisto, direktoro de kursoj kaj novaj redaktoroj por nia revuo "KAJEROJ". Niaj k-doj devas ja konscii, ke la gvidado de nia LEA-o ne estas afero nur de tri/kvar personoj, sed minimume de la duoblo de tiu*

*nombro da kunlaborantoj.*

*Ekzistas ankaŭ aliaj problemoj en nia asocio, eble ne tiel urĝaj kiel la menciitaj, sed fundamentaj por nia aktivado, kiujn ni devus denove konsideri, nome: la alĝustigo de niaj kotizoj, la normaligo de nia societa disvolvo, la starigo de Libro-Servo, la insisto ĉe la hispanaj sindikatoj por starigi en ili Esperanto-kursojn k.a.. Ĉi lastan iniciaton ni jam provis realigi tuj post la fondo de nia asocio, sed, ĉar ne tro sukcesa en tiu momento, ni ne plu insistis, precipe pro la aludita manko de kapablaj homoj por tiu lerniga tasko. Kaj tamen ni tion bezonas kiel sistemon varbadi novajn membrojn kaj ankaŭ kiel specifan taskon de nia asocio.*

*Ne mankas inter niaj projektoj tute nova politiko destinita al sistemigo de la komuna agado de ĉiuj LEA-oj. Plej bonvenus almenaŭ minimumaj kunlaboradsignoj, kiel, ekzemplo, interŝanĝo de revuoj, komunaj kongresoj inter najbaraj LEA-oj, specialaj laboristaj eldonoj, prelegoj, kunordigo de plej gravaj iniciatoj, efektiva helpo por la fondo de novaj LEA-oj en Orient-Eŭropaj landoj, k.a. Tio estas io, kion ĉiu LEA-o devus nepre plenumi, laŭ nia vidpunkto. Oni multe parolas pri solidaro, sed reale ne multaj praktikas ĝin sincere.*

*Tiurilate ni ĝoje salutu la iniciaton aperigi en la januara numero de "Sennaciulo" kaj en la organo de SAT-Amikaro raporton de la kunveno de LEA-komitato dum la lasta SAT-kongreso. Ni ne bone komprenas kial tiu raporto ne estas sendita al ĉiu LEA-o kaj aperas ĉiujare post la okazigo de la SAT-kongreso en ĉiu el niaj revuoj, ne nur en tiu, kies reprezentanto havis la privilegion ĉeesti en la kunsido, sed en ĉiuj, per la koncerna rekta informo de la LEA-komitato... Ni esperas, ke estonte tio fariĝos konstanta kutimo. Se male, ni ne povas imagi por kio ekzistas tiu komitato.*

*Ofte ni sendas al diversaj LEA-oj nian revuon, sed malofte ni ricevas reciprokan respondon. Tiusence ni nepre menciu kiel bonajn kunlaborantoj niajn k-dojn de SAT-Amikaro. En tiuj kazoj, kiam la koncerna LEA-o ne havas organon, ni sentus nin tre dankaj, se trafus nin almenaŭ letereto indikanta la ricevon de la bulteno kaj opinion pri ĝi. La silento estas pli ol malkuraĝiga rimedo. Kompreneblas, ke eĉ por minimuma tasko oni bezonas kunlaboron. Jen kial ni publikigas ĉi alvokon kun la espero atingi pozitivan rezulton.*

*LA REDAKCIO*

# FRANCISCO FERRER I GUARDIA (1)

**Politikulo kaj** pedagogo naskiĝinta en kataluna vilaĝeto Alella en 1859. Filo de modestaj kamparanaj bienuloj, li translokiĝis apenaŭ 14-jara al Barcelono, kie tre junaĝe ekaktivis en la vicoj de la federacia republikanismo. En 1884 li aliĝis al framasona hispana organizo.

Li komencis labori kiel kontrolisto en la hispana fervojo kaj tiu cirkonstanco ebligis lin roli inter la respublikaj konspirantoj kiel efika mesaĝo-portanto inter la estro de la hispanaj respublikanoj Ruiz Zorrilla kaj la ceteraj membroj de la organizo. Kun tiu kolektivo li partoprenis en la respublikana ribelo kontraŭ la monarkia reĝimo okazinta en Santa Coloma de Farnés en 1886, kies fiasko devigis lin ekziliĝi en Francion, kie li loĝadis ĝis 1901.

Instruisto de la hispana lingvo en tiu lando, li decidis



Francisko FERRER I GUARDIA kun la simbolo de la "Moderna Lernejo", kiun li kreis.

forlasi sian aktivadon kiel politika konspiranto, konvinkita ke la transformiĝo de la socio venos per popola kleriĝo kaj racia edukado kaj ne per violento. Tiam li plene sin dediĉis al la instruado kaj profunda studado de la raciisma pedagogio.

En 1894 li enamiĝis al unu el siaj lernantinoj, Ernestine Meunier, riĉa bienulino al kiu li lernigis la hispanan lingvon kaj simpatianta kun liaj ideoj pri instruado. Li proponis al ŝi fondi en Hispanio tute novan lernejon, sendependan de la ŝtato kaj de la eklezio, kies celo estu renovigi la socion per nova pedagogio racia kaj humanisma. Ernestine forpasis en 1901 kaj lasis al li heredon de unu milionon da fr.f., per kiuj Ferrer i Guardia povis reveni en Hispanion kaj fondi en Barcelono la revatan "Modernan Lernejon" (aŭg. 1901). En ĝi kunlaboris prestiĝaj liberpensuloj kaj anarkiistoj, inter kiuj Anselmo Lorenzo, Mateo Morral, k.a.

La "Moderna Lernejo" fondita de Francisko Ferrer i Guardia iĝis pedagogia kaj eldona institucio, kies ĉefa celo estis eduki la infanaron per raciaj kaj sciencaj principoj anarkistemaj, kaj tiel formi la popolon sen influo de dogmoj kaj en kompleta libero. Tiu lernejo rapide disvastiĝis en Hispanio kaj iom poste en Sud-Ameriko, daŭrigante tiel la tradicion de la laikaj lernejoj fonditaj en nia lando de liberpensuloj kaj laboristaj asocioj.

Francisko Ferrer i Guardia fondis, kune kun la Lernejo, ankaŭ eldonejon, kiu publikigis lernolibrojn kaj sciencoverkojn de Odon de Buen, Clemencia Jacquinet, Enrique Lluria, E. Reclus k.a.; verkojn de sindikatistoj kaj liberecanoj de Malato, Malatesta, Kropotkin, Urales, Pellicer, Yvetot kaj aliaj partianoj de la raciisma lernejo.

La 31a de majo de 1906, Mateo Morral, unu el la instruistoj de la "Moderna Lernejo" en Barcelono, atencis kontraŭ la hispana reĝo Alfonso la XIII-a, kaj pro tio la lernejo de tiu urbo estis fermita kaj Francisko Ferrer enkarcerigita. Sed en la juĝo-proceso kontraŭ li oni ne povis pruvi, ke li estas komplico de Mateo Morral kaj tial, deklarita senkulpa, li restis libera (jun. 1907).

Tiam, Ferrer forveturis eksterlanden kaj en Francio kaj Belgio li fondis Internacian Ligon por la Racia Edukado de la



Infanaro, kies komitato li mem prezidis. En Londono li kontaktis kun la plej gravaj britaj intelektaj liberpensantaj rondoj. En 1908 li revenis en Barcelonon.

La 11-an de julio de 1909 okazis en la kataluna ĉefurbo gravaj politikaj protestoj kontraŭ la enŝipiĝo de rezervo-soldatoj partoprenontaj la nordmarokan militon. La afero komplikiĝis, kiam kontraŭ strikdecido de la Barcelonaj laboristoj, la hispana registaro proklamis sieĝostaton kaj surstratigis la armeon. La protesta striko iĝis tuj movado pli grava, kun signifo kontraŭmonarkia, por sindikataj aspiroj, kontraŭregistara, ktp. Barikadoj kaj bruligo de preĝejoj svarmis. La respondo de la konservativa ĉefministro Maura estis terura: li ordonis uzi ne nur fusilojn sed ankaŭ kanonojn. La popoldomo kaj aliaj konstruaĵoj estis sovaĝe detruitaj kaj en ili multaj laboristoj masakratitaj. La rezulto de la tiel nomata "tragika semajno" de Barcelono (26-31 julio 1909) estis tre dolora: pli ol cent mortintoj kaj kvincent vunditoj. Miloj da laboristoj estis enkarcerigitaj, 2000 procesitaj, 175 deportitaj, 59 kondamnitaj al dumviva mallibero, 5 mortkondamnitoj ekzekutitaj (2).

Kvankam Francisko Ferrer tute ne partoprenis en tiuj okazintaĵoj, la hispana registaro de la konservativa ĉefministro Maura, decidinta ekzemplodone puni la ribelintojn, arestis lin kaj post rapida proceso, kaj malgraŭ la multnombraj atestantoj pruvantaj lian nepartoprenon kaj tial lian senkulpecon, oni mortkondamnis lin.

La 13an de oktobro de 1909 Francisko Ferrer i Guardia estis ekzekutita en la Barcelona kastelo de Montjuïc. Laboristoj, intelektuloj, progresemuloj el ĉiuj landoj publike manifestiĝis, precipe en la plej gravaj Eŭropaj ĉefurboj. Antaŭ tiu universala protesto la ĉefministro Maura, tute senprestiĝigita, estis devigata demisii, kaj la figuro de Ferrer fariĝis brila simbolo pri libera eduko, kaj lia "Moderna Lernejo" altiris la atenton kaj admiron de kleruloj kaj studemuloj el la tuta mondo.

Antonio MARCO BOTELLA

Sekvas Noton:

Noto:

(1) Okaze de artikolo aperinta en "Sennaciulo" n-ro 2 (Febr. 1995) pri Francisko FERRER i GUARDIA, la Redakcio de "KAJEROJ EL LA SUDO" decidis publikigi propran version pri la vivo de tiu eminenta edukisto, kaj atentigi niajn legantojn pri la vera dato de la morto de tiu granda homo okazinta la 13an de oktobro de 1909, kaj kun tiu grava korekto ankaŭ elstarigi aliajn precizigojn.

(2) Pri tiu ĉi evento oni povas legi aldonaj komentoj en "KAJEROJ EL LA SUDO", n-ro 23, paĝ. 14-19, julio-aŭg.-septembro 1994.

*****

# KOREKTO PRI KOTIZOJ

En la lasta numero de nia revuo ni konfirmis la SAT-kotizojn de la pasinta jaro. Por anonci ilin, ni, antaŭ ol nia revuo eniris en presejon, fine de novembro konsultis telefone nian tiaman SAT-peranton. Ĉar li, samkiel ni, ankoraŭ ne estis ricevinta la novembran "Sennaciulo"-n, kio okazis laŭlonge de la unuaj 15-aj tagoj de decembro, li konfirmis al ni saman tabelon kiel pasintjare. Kaj tian tabelon ni publikigis. Post la ricevo de nia gazeto ni konstatis la ŝanĝon. Ja la modifo estas atentinda (nur "Sennaciulo" + 22%) ĝuste en momentoj, kiam la salajroj de la hispanaj laboristoj stagnis aŭ eĉ suferis malaltigon. Ĉu estus tro peti al niaj Parizaj k-doj de SAT-P.K., ke ili alkutimiĝu, kiam temo koncernos nin, prezenti al ni la oportunajn konsultojnm kaj poste informi nin sufiĉe antaŭtempe al la efektivigo de la koncerna decido?

Ni petas al niaj legantoj kaj al la nova SAT-peranto en Hispanio k-do Bustin (kiuj suferas la menciitan neglekton) senkulpigon, kaj reproduktas tiujn novajn kotizojn por Hispanio:

Baza kotizo . . . . . . . . . . 1.800,- ptojn
Jarabono de "Sennaciulo". . 2.200,- "
Abono "Sennacieca Revuo". . 550,- "

Nepre atente legu la ĉi-subajn rimarkojn

-Help- kaj grup-membro- abonantoj pagas minimume la duoblon de la baza kotizo kaj plenan abonon.

-Membro-abonantoj pagas plenajn bazan kotizon kaj abonon.
-Emeritaj membro-abonantoj pagas la duonon de la baza kotizo kaj plenan abonon.
-Familianoj pagas la duonon de la baza kotizo. -Krom la kotizo,

SAT-membro, kiu daŭre deziras ricevi la asocian organon "Sennaciulo" devas ankaŭ pagi ties abonon.

-Ĉiuj membroj, escepte de la familianoj, aŭtomate ricevas,la du-jaran SAT-adresaron kaj la jaran kajeron "Sennacieca Revuo", sen plia abonpago.

*****

NIAJ FINANCOJ

# BILANCO DE HALE EN 1994

Post pluraj jaroj de kompleta anomalio rilate al la normala prezento de la kontado de nia asocio, pro ŝanĝo de Kasistoj, ni hodiaŭ povas prezenti kompletan bilancon de niaj kontoj:

KONTO-ETATO

| | | |
|---|---|---|
| Saldo favora al HALE en decembro 1993 . . . . . | 7.959.- | ptoj |
| Saldo de la kasisto R. Manau fav/ HALE . . . . | 49.638,- | " |
| Saldo de la Sevilja kasisto fav/ HALE . . . . . | 25.151,- | " |
| Sume | 82.748,- | " |

ENSPEZOJ EN 1994

| | | |
|---|---|---|
| Membro-kotizoj . . . . . . | 29.800,- | |
| Donacoj . . . . . . . . . | 15.059,- | |
| Abonantoj. . . . . . | 10.000,- | |
| Sumo de la Enspezoj. . . | 54.859,- | 54.859.- |
| ENTUTE | | 137.607,- |

ELSPEZOJ EN 1994

| | | |
|---|---|---|
| Presitaj kvar numeroj en 1994... | 29.480,- | |
| Kosto afranko kvar numeroj ..... | 9.236,- | |
| Inkobendo-forviŝbendoj kompost.. | 6.000,- | |
| Fakturoj admint. prezidanto..... | 13.246,- | |
| Elspezoj poŝto kasisto ........ | 1.189,- | |
| Sumo de Elspezoj | 54.131,- | 54.131,- |
| ENTUTE | | 83.476,. |

SINTEZO:

| | | |
|---|---|---|
| Restas en Kaso... | 83.233,- | Ptoj |
| Disponebla en Redaktejo | 243,- | " |
| SALDO FAV. HALE | 83.476,- | " |

Rimarkoj pri la Konto-Etato:

Konstateblas la malkvilibro de la pasinta jaro inter Enspezoj kaj Elspezoj: la Enspezoj de niaj membroj tute ne sufiĉas por pagi eĉ la revuon, kvankam ties kompostado estas mem farita de niaj Redaktoroj sen ia ajn kosto kaj la presado havas prezon amikan, tre amikan kaj malaltan. Tiu cirkonstanco, krom la donacoj de nia anaro kaj la mono de abonantoj, ebligas la subtenon de nia asocio kaj la prezenton de saldo favora al HALE anstataŭ kapdoloran deficiton. Ni devas programi efikajn rimedojn por solvi tiun financan problemon. Plian problemon!

---******---

# Administra angulo

Pagis sian respektivan abonon por la jaro 1995 jenaj gekamaradoj:

| | | |
|---|---|---|
| Juan Carlos Nuño Carrión . . . . . . . . . | 800,- | Ptojn |
| Nicolas López Escartin . . . . . . . . . | 800,- | " |
| Victor Ortiz Gratal . . . . . . . . . . . . | 1.000,- | " |
| Antonia Lapuerta Palacios . . . . . . . | 850,- | " |
| Enrique Piquero Vazquez . . . . . . . . . | 1.000,- | " |
| Enrique Navarro Rubio. . . . . . . . . . . | 1.000,- | " |
| Sumo | 5.450,- | |

Ni atentigas niajn membrojn, ke en "KAJEROJ" nur aperos la pagoj de abonantoj, kiuj kutime pagas rekte en la Redaktejo. Pri la pago de membro-kotizoj estos nur la Kasisto, kiu rekte kvitancos kaj informos ilin pri ties pagoj.

La membro-kotizoj kaj abonoj al nia revuo por la nuna jaro jenas:

| | | |
|---|---|---|
| Jarabono de "KAJEROJ EL LA SUDO", minimume...... | 800,- | Ptojn |
| Membreco de HALE kun revuo, nur SAT-membroj..... | 500,- | " |
| Jarabono "KAJEROJ", francoj . . . . . . . . . . . . | 50,- | fr.f. |
| Jarabono "KAJEROJ" eksterlandanoj, ĝenerale . . . | 15,- NLG aŭ ekv. | |

Sendo de kotizoj kaj abonoj al nia k-do Martin BUSTIN BENITO, Libreta Caja Postal n-ro 37-02.614.635.
Ofic. Carolinas 13o2-0482-9. 03012-ALICANTE

Oni ne pagas sendokoston kaj oni devas mencii la nomon de la sendinto.

## LA ELDONOJ DE SAT-BROŜURSERVO EN 1995

Fine de 1994, aperis la 175-a titolo en la kadro de SAT-Broŝurservo, prizorgata de Amika Esperanto-Rondo, FR-47470 Beauville!

De kiam naskiĝis la broŝura serio restis jena ĉiama strebado, kvazaŭ "sankta" devo:
- helpi al publikigo de manuskriptoj, dormantaj en tirkestoj pro manko de eldonrimedoj;
- disponigi etkoste al neriĉa samideanaro interesajn tekstojn por legado, studado, pridiskutado;
- samtempe danke omaĝi al verkintoj malaperintaj aŭ plu vivantaj.

En 1995 estos preparata la eldonado de jenaj verkoj:

- **Vortoj de Valo**, kompilaĵo el la 12-jara rubriko de amiko VALO en la revuo **Laŭte!** K-do VALO, siatempe amiko de LANTI kaj Rajmondo SCHWARTZ, estas nun 95-jara.(Honore al li, kiu jam priskribis siajn "sepdek jarojn sub la verda stelo"... en 1980, en samtitola broŝuro nun elĉerpita ĉe SAT-Broŝurservo, la ĉi-jaraj abonantoj de **Laŭte!** ricevis donace reeldonon de "**Individuismo en Antikveco**", verketo de HAN RINER, tradukita de VALO.)

- **Sin nutri en la naturo**, estas ampleksa kompilaĵo de k-do DAZUN,(iama membro de la P.K. de SAT) kiun li mem ilustris per centoj da desegnoj. Jen valorega helpilo por malkovri la mirindajn trezorojn naturajn.

- **Prenu plu!** estas internacie uzebla E-gramatiko, kiun kompilis amiko GBEGLO Koffi, fervora disvastiganto de Esperanto en Togolando. Ĉiun "lecionon" akompanas ekzercoj.

- Aldone, "**La Travivaĵoj de Brava Soldato Ŝvejk**" (unua parto) siatempe eldonita de SAT, estos reeldonita kaj disponigita al tiuj novaj SAT-anoj, kiuj ankoraŭ ne legis la verkon en Esperanto.

Kiel ricevi tiujn broŝurojn? Se vi ne estas abonanto de la broŝura serio: nur informu letere pri via deziro ricevi tiujn kvar verkojn. Vi pagos nur post ricevo, t.e. fine de 1995, 100 FRF, tiel ĝuante 33-procentan rabaton.
Kompreneble, se vi estas jam abonanto de SAT-Broŝurservo/Laŭte!, vi ricevos ilin aŭtomate. Adresi la antaŭmendojn al: Esperanto, FR-47470 BEAUVILLE.

# ORIGINALA POEZIO

## EN GRANADO KUN FEDERICO GARCÍA LORCA

Stratoj krutaj ĝis vertiĝo,
kornovundoj far la vento
flegitaj per kalk-ungvento
en silenta sunumiĝo;
fontana flustrad', vestiĝo
de iamo senso-scia:
Albaycín. Kvartalo mia,
vi kun impona modesto
muezinas pri l' ĉeesto
de Federico García.

Kaj mi lante pluascendas,
blinda de briloj fasadaj,
dum la cipresoj transkradaj
muta-preĝen sin transcendas.
El la ĝardenoj mur-pendas
konstelacio lilia.
Petale, kvartalo mia,
palpeblas vigla palpito
aŭ flirtemo: la spirito
de Federico García.

Vesperas. Placoj kaj muroj
ekstazas. L' aer' misteras.
Alhambro, transa, liveras
kantilenojn de murmuroj
rojaj: sangas, dum la turojn
lekas ombro reptilia.
Alhambro, lamento mia,
el via rumor' lirika
aŭdeblas la sang' unika
de Federico García.



Grotoj el suker' kaj tristo:
Albaycín de la ciganoj.
Elgitaras bronzaj manoj
esencojn de la ekzisto.
La pravoĉon de kantisto
ŝiras kor-sku' agonia.
Ho gorĝo cigana, mia!
En l' anim' de viaj fibroj
latentas la voĉaj vibroj
de Federico García.

Miguel Fernández

NOTO

*Albaycín* (pr. Albajsin'): Maŭr-epoka, pleje emblema kaj populara kvartalo de Granado, situanta sur holmo kontraŭa al la Alhambra altaĵo kaj admirata pro siaj stretaj deklivaj stratoj, kalkitaj domoj kaj ĝardenoj, al kiuj floroj, arboj kaj akvolirlado donas mistike pacan atmosferon. Sur unu el la flankoj de Albaycín etendiĝas *Sacromonte*, pitoreska ensemblo de kalkitaj kaj puraj kavernoj, kie loĝas multaj el la ciganoj de Granado.

GLOSO

*Palpiti*: Pulsadi (*Parnasa Gvidlibro*).

---******---

---******---



# Bonvolu ridi, sed ne tro.

## Suspektinda, ĉu ne?

Antaŭ butiko preterpasis viro, kiu atente kalkulis de ekstere kiom da klientoj atendis la servon. Kvankam malmultaj, li kapneis rezigne kaj foriris.

Tio okazis dum kelkaj tagoj antaŭ la malkontenta rigardo de la mastro. Fine, la stranga observanto venis en momento, kiam la klientaro estis sufiĉe multnombra. Li kalkulis kaj tuj malaperis, kun plaĉa mieno. Tiam la mastro ordonis al sia subulo: -Iru rapide, malantaŭ tiu strangulo kaj sciu, kion li faras.

Iom poste revenis la laboristo kaj rakontis al la ĉefo:

-Unue, li aĉetis belan skatolon kun bombonoj, poste li akiris bukedon da lindaj floroj kaj fine, li eniris en la domon...

-En la sia, kompreneble!

-Tute ne, sinjoro, en la via!

***

## Alia pri frenezuloj

En neniu "deca" frenezulejo mankas iu Napoleono. Iam en imagurba frenezulejo troviĝis du tiaj "eminentuloj". Kiam ili renkontiĝis, ili baraktis; sekve la vundoj tiel abundis, ke la direktoro enpostenigis du flegistojn por speciale zorgi pri ili. Tiu situacio estis tro multekosta, tial la gvidantaro de la frenezulejo decidis forigi la specialajn flegistojn kaj enĉambrigi kune la du malamikajn gastojn, ĉar tiel -kredeble-nur unu postrestos!

Nu, pensite kaj farite: oni ŝlosis ilin kune, kun espero pri sukcesa rezulto. Post nelonge aŭdiĝis bruego sekvita de tre longa silento. Kiam la timoplenaj flegistoj malfermis la pordon ili ekvidis idilian paron. La flegistestro demandis kun scivolemo:

-Kiu estas Napoleono?

Unu el la du, pozante man-sur-bruste, respondis:

-Mi estas.

Tiam la oficisto sin turnis al la alia:
-Nu, kiu do vi estas? Kaj la demandito respondis mildvoĉe:
-Mi estas... Jozefino!.

***

Ĉe la horloĝisto

De antaŭ multaj tagoj s-ro Mensogulo ne vendis eĉ unu horloĝon. Feliĉe, kiam li estis preta por fermi la pordon de sia butiko, en aútuna vespero, juna kaj eleganta sinjoro eniris kaj petis pri oraj poŝhorloĝoj. Afablege, la horloĝisto montris al li siajn plej belajn trezoretojn kaj, per tre lerta kaj daŭra konsilado, prilaboris la vendon de la plej multekosta.

Tiam, maljuna kamparanino, ŝarĝita per korboj kaj pakaĵoj, tute senatente al la zorgo de la vendisto, demandis lin:

-Ĉu mia horloĝo estas jam riparita?

Ĝenite, la vendisto respondis:

-Jes!

Do, donu ĝin rapide al mi, ĉar mi devas trafi la lastan vagonaron!

La vendisto, ne dezirante forlasi la zorgon de la vendado kaj ektimante, ke pro nesufiĉa atento la aĉetonto malaperos, respondis pretekste al la kamparanino:

-Neeble, sinjorino! Mia filo kunportas ĝin en sia poŝo, por daŭre kontroli la efikon de la farita riparado.

-Sed, sinjoro, bonvolu atenti, ke mi estas Tereza García!

-Eĉ se vi estus la reĝino de Hispanio, mi ne povus doni al vi horloĝon, kiun kunportas mia filo, jus foririnta de la butiko!

-Mi ripetas al vi, ke mi estas Tereza García, kaj ke mi...

-Sufiĉas sinjorino! Mi tute neniel povas fari miraklojn!

-Ĉu ne miraklojn? Jes, miraklojn vi faras, kaj

via filo ankaŭ, ĉar mia riparita horloĝo ne estas poŝa nek braka, sed mura, kaj ĝi pezas almenaŭ dudek kilogramojn!

***

Pri kuracistoj

-Doktoro, ĉiam kiam mi vidas vin, mi memoras, ke mi ŝuldas al vi la vivon!

-Kaj...pri la honorarioj, ĉu vi ne memoras?

***

Pri babilemo

Patro klarigas al sia filo la diferencon inter fusilo kaj maŝinpafilo. Li ilustras la klarigon per jena komentario:

-Estas kvazaŭ mi parolus unue, kaj poste respondus via patrino.

***

Sekreto

-Ĉu mi povas konfidi al vi sekreton?
-Diru!
-Urĝe mi bezonas 50.000 pesetojn.
-Nu, imagu, ke nenion vi konfidis al mi!

---******---

## LA DIFERENCO INTER "ESKATOLOGIO" KAJ "SKATOLOGIO"

Kiu ne kompetentas pri leksikologio,
ne okupiĝu pri leksikografio.

Fernando de Diego stumblis pri la vorto "eskatologio"

La sekva citaĵo atestas, kiel, pro manko de solidaj leksikografiaj scioj, eĉ konata literaturisto povas skribi sensencaĵon pri la du vortoj en la titolo de tiu ĉi artikolo.

"Mulisch havas literaturan sagacon, eble pli valoran ol la literatura talento, sekve tre bone konas la aktualan guston de la publiko. Li scias, ke la cinikeco estas en modo. Kaj la pseŭdointelektismo. Kaj la triviale eskatologiaj scenoj kaj dialogoj (eskatologiaj, ne laŭ la filozofia senco PIVa, sed laŭ kroma, ekskrementa senco en la naciaj vortaroj)."

La frazoj estas ĉerpitaj el librorezenco pri Du virinoj,

originala romano de Harry Mulisch, kiun de Diego aperigis en Venezuela Stelo (n-ro 55, decembro 1993, pĝ. 5-6).

Estas ja evidente, ke Don Fernando ne sciis pri la ekzisto en Esperanto de la vorto "skatologio", kies ortografio kaj signifo diferencas disde "eskatologio", la vorto, kiun li misuzis en la recenzo. Per tiu ĉi studaĵo, mi donas al mi la taskon erudi la venezuelan esperantiston pri tikla leksikografia problemo.

La etimologio kaj difino de "eskatologio"

Nur tiu ĉi vortformo troviĝas en la teksto surpaperigita de la recenzisto, kaj dank' al Plena Ilustrita Vortaro (PIV), li eksciis, ke ĝi havas filozofian signifon. Tiu ĉi filozofia kaj teologia faktermino devenas de la helena lingvo. La unua morfemo, eschatos (elp. esĥatos), estas adjektivo signifanta "plej malproksima", "lasta" kaj "fina". Eskatologio estas la parto de la teologio, kiu studas lastajn aferojn, t.e. la finan sorton de la homo kaj la universo. Ĝi signifas ankaŭ la aron da kredoj kaj doktrinoj rilatantaj al la transtomba vivo.

La historio de "skatologio" en Esperanto

"Skatologio" mankas en PIV (1970) kaj en ĝia Suplemento (1987) malgraŭ tio, ke ĝi estis uzata en publikigaĵoj antaŭ la eldono de la Suplemento (vidu notojn 1 kaj 2). Ĝis antaŭ nelonge etnolingvaj Esperanto-vortaroj tradukis la samdevenajn vortojn en la koncernaj lingvoj per kunmetaĵoj formitaj per Esperantaj morfemoj.

1. E. Tudela Flores en sia Vocabulario Español-Esperanto (1966) donas al la unua signifo de hispana escatología "ekskrementologio".

2. J.C. Wells en sia angla-Esperanta vortaro (1969) tradukas la anglan adjektivon scatological per "fekologia".

Laŭ mia scio, la unua Esperanto-vortaro, kiu registras la radikon "skatologi-", estas la nova Grand Dictionnaire Français-Esperanto (1992), en kiu la ekvivalentoj de francaj scatologie kaj scatologique estas "skatologio" kaj "skatologia" respektive.

La etimologio de "skatologio"

La unua morfemo, "skat-", devenas de la helena substantivo

skor/skatos "ekskremento". Ĝi estas uzata por formi vortojn rilatantajn al ekskremento sur diversaj niveloj de lingvouzo, jen en la scienca fakterminografio, jen por karakterizi literaturan subĝenron, jen en la komunuza lingvo. La sekvaj difinoj ilustras tiun uzadon sur malsamaj semantikaj terenoj.

1. (scienca) paleontologia studo de koprolitoj(fosilia ekskremento);biologia studo de ekskremento por taksonomiaj celoj aŭ por determini dieton; etologia (rilata al la scienco pri la konduto de bestoj) studo de animala ekskremento por sekvi la migradon de bestoj en apartaj teritorioj.

2. (literatura kaj ĝenerala) interesiĝo je aŭ pritrakto de obscenaj aferoj en parolado kaj skribado.

Kial Don Fernando konfuziĝis

Konfuzo inter la du vortoj, "skatologio" kaj "eskatologio" ne estas ebla por parolantoj de Esperanto, la angla kaj franca lingvoj, ĉar la ortografio malsamas. Male, pro fonetika apartaĵo de la hispana lingvo, la du diversdevenaj vortoj akiras la saman ortografion: "escatología". La kialon scias ĉiu lernejbubo: ne estas permesata la konsonant-grupiĝo sc komence de vorto. Same kiel latine scribere kaj schola fariĝis escribir kaj escuela respektive, la ortografio de la morfemo scat- devas esti escat- en la hispana.

Rimarku, ke kompetenta leksikografo, okaze de kompilado de hispana vortaro, devas registri escatología en du apartaj artikoloj pro la malsamaj etimologio kaj signifo. En Esperanto-vortaro tiu problemo ne povas estiĝi, ĉar la du vortoj troviĝas en diversaj lokoj en la vortaro.

Dua leksikografo stumblas

Fernando de Diego ne estas la sola verda vortaristo, kiu eraris pri tiu ĉi temo. E.D. Krause, kiu kompilis germanan-Esperantan vortaron, ricevis riproĉon de Reinhard Haupenthal, la recenzinto de la vortaro, ĉar mankas en la verko "la tuta skatologia vorttrezoro". En replika artikolo, Krause provis defendi sin, montrante, ke lia vortaro "listigas almenaŭ la ĵenajn vortojn pri tiu kartludo..." Sekvis proks. dudek terminoj uzataj en la germana kartludo skato (G. Skat). Kia enorma

miskompreno! Povra Krause, kiu evidente ne konis la vorton "skatologio", opiniis, ke ĝi estas la "ologio", t.e. studo aŭ scienco, de la kartludo skato!

Konkludo

Estas preskaŭ neeble kredi, kiel homoj, kiuj dediĉas sin - al leksikografiaj laboroj, estas samtempe nekompetentaj pri leksikologio. Oni povas esperi, ke Don Fernando inkludos "skatologio" en la nova hispana-Esperanta vortaro, kiun li nun kompilas.

Bernard GOLDEN

Notoj

1. Reinhard HAUPENTHAL. Recenzo pri Worterbuch Deutsch Esperanto de Erich-Dieter Krause. Dialogo, 1/1984, pĝ. 9-10.

2. Bernard GOLDEN. Skatologia leksikografio. La Kacerkliniko, n-ro 35, 1985, pĝ. 12-14.

---******---

# La movado en kaj ekster Iberio

Mittel Wihr. Alzaco

La 50 "jubilea" kongreso de SAT-Amikaro okazos de la 15a ĝis la 18a de aprilo 1995, en la indikita urbo, proksime de Colmar, kaj en ĝi la partoprenantoj povos ĝui, krom la laborkunsidoj, interesajn programerojn, i.a. jenajn prelegojn:

"Nuntempa Germanio" de H. Rodewig.
"Sindikatismo dank' al Esperanto" de Y. Peyraut.
"Kiel TAKE promocias Esperanton en la ekonomio Tutmonda", prezentos E. Ludwig kaj J.P. Cancel. TAKE (Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj) kunlaboras kun SAT-Amikaro en la organizado de tiu jubilea kongreso.

La distra parto promesas al la partoprenantoj agrablajn mentojn kun nia famkonata kantistino NIKOLIN' dum la interfratiĝa vespero.

Adiaŭa vespero, muziko, kantoj, balo, ktp.

Ekskursoj duontagaj kaj tuttaga, konigos al la kongresantoj la plej tipajn lokojn de tiu mirinda regiono.

Petu kongresaliĝon al Odette Scheidel, 35 Grande Rue; FR-67660 BETSCHDORF (Francio). Poŝtkonto 25 22 84 G Strasbourg.

***



Fr. Noemi Gilabert, novelektita "Fraŭlino Esperanto-95".

## Kultura Esperanto-Asocio en Sabadell

En la"Centre Civic de la Creu Alta" oni festis la prezentadon de la ĉi jara "Fraŭlino Esperanto-1995" Noemi Gilabert Casassas, fare de José Mª Galofré, prezidanto de KAE, en la kadro de la ordinara asembleo de la menciita asocio. Fraŭlino Noemi, 21-jara, studas nun Esperanton en la urbo Sabadell.

La amuza festo kulminis en la restoracio de hotelo Urpi en agrabla tagmanĝo, en kiu partoprenis pli ol cent personoj simpatiantaj al Esperanto kaj al pacifismo.

***

## Alvoko al ĉiuj Ŝakamantoj. Zaragozo.

"ESLI" (Esperanto-Ŝako Ligo Internacia), invitas ĉiujn ŝakamantojn ŝakludi per korespondado, konstantaj turniroj je pluraj niveloj. Interesatoj bonvolu skribi al la peranto: Miguel Angel MARTIN; Asin y Palacios, 28-B, 7ª. E-50009-ZARAGOZA.



Esperanta Muzikgrupo en Murcio

La muzikgrupo "Korleone" de la Universitata Esperantista Asocio "Rosetta Stono" de Murcio, kun ampleksa repertuaro de pop-rok muziko kaj kanzonoj en Esperanto, ofertas sian partoprenon en kongresoj kaj renkontiĝoj per malalta buĝeto: sufiĉas pagi la vojaĝokoston de la Grupo (ses personoj) kaj de ties instrumentoj (ses gitaroj) kaj la restadon (manĝadon kaj loĝadon). Alia krompago al la muzikistoj, eĉ se simbola, estos bonvena.

Cetere, ni informas, ke jam ekfunkcias Modern-Muzika Esperantista Registrejo de nia Asocio, kiu ofertas specialan rabatitan prezon por la Grupoj kantantaj en Esperanto: po 10.000 ptoj por ĉiu kanzono triminuta (kun maksimuma registradlaboro de unu tago.

Informoj pri ambaŭ anoncoj: Pedro Antonio MACANAS VALVERDE, Av. Libertad, 6.-2. ES-30009-MURCIA. Telf. 9-68-23.12.19.

***

Maribor. Kiel jam anoncite, la 68-a SAT-kongreso, kies ĉeftemo estos "Tolero al minoritatoj", okazos en Maribor (Slovenio) de la 15-a ĝis la 22-a de julio 1995.

Antaŭkongreso, ankaŭ en Slovenio, okazos de la 9-a ĝis la 15-a de julio en bela vilaĝeto Predvor. INTER-KULTURO, la organizanto, anoncas, ke dum la tuta periodo oni restados en la sama altkvalita hotelo (tristela) en Predvor ĉe Kranj, je 475 m. alteco super la marnivelo. Predvor estas pitoreska vilaĝo ĉe la piedo de Kamnikaj Alpoj, en kies proksimeco estas dumilmetre altaj montoj, kaj situas je 35 km. for de Ljubljana kaj 10 km. proksime de Kranj. La loĝado okazos en du aŭ tri-litaj ĉambroj en hoteloj "Bor" kaj "Grad Hrib" (malnova kastelo adaptita al hotelo, en kies salonoj okazos kulturaj programoj de la Antaŭkongreso) apud idilia lageto Crnava.

Aliĝoj kaj informoj rekte ĉe la organizanto: INTER-KULTURO; SI-62000 MARIBOR, Kočevarjeva, 12.

***





# PAĜOJ EL LA LABORISTA E-MOVADO EN HISPANIO

(Venas el la pĝ. 22 de KAJEROJ-24)

Kiel esprimo de tiuj komunismemaj membroj naskiĝis en 1930 la dusemajna gazeto "Internaciisto", redaktata surbaze de komunismaj teorioj kaj Soveti-amikaj kolektivoj; ili ankaŭ fondis en Leipzig eldonejon por revolucia Esperanto-literaturo: "Eldon-Kooperativo por Revolucia Esperanto-Literaturo"(EKRELO). Ĉe la apero de tiu gazeto, SEU kaj la cetera SAT-opozicio komencis gravan kampanjon kontraŭbatalante la Asocion per ĉiuj disponeblaj rimedoj: reteno de alta monsumo el SAT-kotizoj en Moskvo, denunco de "Sennaciulo" ĉe la sovetaj aŭtoritatoj kiel kontraŭsoveta periodaĵo, ktp. SAT reagis eksigante Drezen kaj aliajn ok elstarajn oponantojn, sed la problemo ne trovis solvon, ĉar en la fundo de la problemo subekzistis jam de la jaro 1925 la volo kaj opinio de Stalin, kiu subordigis la interesojn de tutmonda revolucio al tiu de la soveta ŝtato (6).

Paralele al tiu skismema kampanjo de sovetianoj kontraŭ SAT, la germanaj laboristoj, grandparte fidelaj al tiu komunisma tendenco jam rompis la unuecon de la Asocio, kiam en aprilo 1930 Laborista Esperanto-Asocio por la Germanlingvaj Regionoj (GLEA) sendependiĝis. Kelkajn monatojn poste, en aŭgusto 1932, fondiĝis en Berlino la "Internacio de Proleta Esperantistaro" (IPE), kiu sukcesis kunigi altan nombron da laboristaj esperantistoj de pli ol 18 landoj, SAT restis tute dividita kaj enorme malfortigita, sed ĝi tute ne cedis al la premo de komunistoj.

En 1933, per iniciato de Aŭstria Laborista Ligo, sub gvido de Franz Jonas, fondiĝis la Internacio de Socialistaj Esperantistoj (ISE), social-demokrata unuiĝo, kiu ne havis tempon por akiri plenan maturiĝon pro la kreskanta influo de la aŭstraj faŝistoj...

Sed IPE, kies potenco baziĝis sur la unueco de germanaj kaj sovetiaj laboristoj, grave dekadencis, kiam la naziismo persekutis en Germanio la esperantistajn laboristojn, dum SEU sekvis propran vojon. Ekde 1935 evidentiĝis la malfortiĝo de rilatoj inter SEU kaj IPE. En la tiujara IPE-kongreso okazinta en Antverpeno, same kiel en la lasta okazinta en Parizo (1937), partoprenis neniu delegito el Sovet-Unio. Fine, la ri-

latoj inter ambaŭ Asocioj rompiĝis, kiam SEU estis akuzita de la sovetaj aŭtoritatoj kiel"internacia spiona organizaĵo kontraŭsoveta"; miloj da membroj estis enkarcerigitaj, kaj la plej gravaj gvidantoj de SEU, mortpafitaj, inter ili la prezidanto mem Ernest Drezen.

## DENOVE PRI NIA SPECIFA HISPANA LABORISTA E-MOVADO

Post ol ni skizis per ĝeneralaj trajtoj la ĉefajn eventojn de la Laborista E-Movado ekster niaj landlimoj kaj difinis kiuj estis la plej gravaj internaciaj laboristaj esperantistaj asocioj naskiĝintaj kaj aktivantaj internaciskale dum la intermilita periodo, sen pliaj komentoj pri la esencaj karakterizoj de ĉiu el ili, kiujn ni trovos kiam ĉiukaze ni priskribos siajn analogajn funkciantajn en Hispanio, ni revenas denove al la nacia scenejo, pri kiu ni specife okupiĝas.

Kiel niaj legantoj konstatos laŭlonge de niaj kronikoj, ni devis resumi tiujn socipolitikajn eventojn okazintajn en Eŭropo sur la kampo de la laboristaj esperantistaj medioj, ĉar paralele al ili ankaŭ ĉi tie naskiĝis similaj esperantistaj asocioj pro preskaŭ identaj kaŭzoj aŭ reagoj. Sen tiu sintezado supre menciita, nia historio ŝajnus sensenca. Ni do revenu al tiu kronologia punkto, kie ni komencis nian eksternacian komentarion.

## Progresas la E-Movado en Hispanio

En 1920 efektiviĝas en Hispanio du gravaj esperantistaj eventoj: la Unua Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta en Barcelono, organizita de aragonanoj kaj katalunoj, kaj la jena ekzemplo de bonfaremo kaj solidaro: pere de Esperanto oni venigis 300 aŭstrajn infanojn, falintajn en mizero kadre de la unua mondmilito, kaj oni loĝigis ilin ĉe hispanaj familioj dum almenaŭ unu jaro. La unua evento, organizita kiel iberia renkontiĝo, ne sukcesis kiel tia, ĉar portugaloj apenaŭ partoprenis, tamen oni povas konsideri sukcesa, ĉar la plej elstaraj hispanaj esperantistoj renkontiĝis en Barcelono, inter ili Julio Mangada Rosenörn reprezentante la Zamenhofan Federacion. Mangada prelegis pri utopia projekto por unuigi hispanajn kaj portugalajn esperantistojn sub formo de kvazaŭ Ligo de Nacioj kun programo surbaze de la doktrino formulita en la "Deklaracio pri Homaranismo" de D-ro Zamenhof.

(Daŭrigas)

